*En la mondon venis nova lingvo*



# Festlibro por la 75-jariĝo de Ulrich Lins

Gotoo Hitosi
José Antonio Vergara
Kimura Goro Christoph
*(Red.)*

Mondial

# En la mondon venis nova lingvo

*Festlibro por la 75-jariĝo de Ulrich Lins*

❖

*Gotoo Hitosi*
*José Antonio Vergara*
*Kimura Goro Christoph*
*(Red.)*

❖

**Mondial**
*2018*

# Enhavo

*Gonçalo Neves*

# Japanio kaj la latina

**Resumo**

En la nuna artikolo mi analizos precipe la rilaton inter Japanio kaj la latina lingvo. En la unua ĉapitro mi parolos pri la historiaj rilatoj inter la japana kaj la latina kaj montros, ke ĉi lasta, same kiel la portugala, ludis gravan rolon por koniĝo de la japana inter eŭropaj kleruloj. En la dua ĉapitro mi prezentos la latinlingvan korespondadon, kiun mi havis kun japana profesoro inter julio kaj decembro de 1988, dum kiu ni pritraktis multe da temoj, i.a. ankaŭ Esperanton. En la tria kaj lasta ĉapitro mi skize mencios la agadon de aliaj nuntempaj japanaj latinistoj.

## 1. Historiaj rilatoj inter la japana kaj la latina[1]

### 1.1 La unuaj eŭropanoj en Japanio

La unuaj jezuitoj el Portugalio alvenis en Japanion en 1549, gvidate de Francisko Ksavero, S.J.[2] (1506–1552).[3] Inter tiu dato kaj 1614, kiam ŝoguno Tokugawa Ieyasu (1543–1616) komencis persekuti la kristanojn en Japanio, la jezuitoj disvolvis intensan misian kaj instruan agadon en tiu lando. Tiucele ili eklernis la japanan[4] kaj klopodis instrui la portugalan kaj la latinan al la landidoj. En 1590 ili instalis en Kazusa la unuan presilon el moveblaj tipoj,[5] kiu poste transiris al Amakusa fine de 1591 kaj al Todos os Santos,[6] aŭtune de 1597.

1 Ĉiujn ĉi-ĉapitrajn senreferencajn nomojn, datojn kaj faktojn mi ĉerpis el la bone dokumentita historia trarigardo de Fernandes; Assunção (2018: 189–192).

2 S. J. (latine, *Societatis Jesu*) signifas "de la Societo de Jesuo", t.e. de la jezuita ordeno.

3 La agadon de la jezuitoj en Azio detale pritraktis Rodrigues (1931: 517–538; 1937: 449–480).

4 Kishimoto (2006: 50) diras, ke "ili avide studis la japanan" (*estudaram o japonês avidamente*).

5 Baldaŭ poste, en 1593, duan tian presilon kunportis en Japanion la armeo de daimio Toyotomi Hideyoshi (1537–1598) revene el kampanjo en Koreio (Demonet; Uetani 2008: 128).

6 *Todos os Santos* ("Ĉiuj Sanktuloj") estis la nomo de preĝejo — fondita de la portugala

Almenaŭ tri portugallingvaj elementaj gramatikoj pri la japana, verkitaj en la dua duono de la 16a jarcento, cirkulis manuskripte inter la jezuitoj, sed bedaŭrinde neniu konata ekzemplero postrestis ĝis nun:[7] *Arte da Lingoa Japonesa*[8] (ĉ. 1552), de la portugala pastro Duarte Silva, S.J. (fl.[9] 1552–1564), *Grammatica da Lingoa Japonesa*[10] (ĉ. 1564), de la hispana pastro Juan Hernández, S.J. (m. 1567) kaj *Arte da Lingoa de Iapão*[11] (1581), de la itala pastro Antonio Prenestino, S.J. (1542–1589). Ekzistas mencio ankaŭ pri unua japana vortareto, verkita de Hernández Silva kaj Gaspar Vilela, S.J., kaj en 1563 ankaŭ Luís Fróis, S.J. (1532-1597) ekverkis japanan vortaron.

## 1.2 La unuaj lerniloj en la latina

En 1594 la jezuitoj publikigis en Amakusa specialan eldonon de fama latina gramatiko de la portugala pastro Manuel Álvares, S.J. (1526–1583), sub la titolo *De institutione grammatica libri tres: coniugationibus accessit interpretatio Iapponica*.[12] Temas pri grava eldono, ne nur ĉar ĝi estas la unua presita gramatika traktaĵo, kiu mencias la japanan verban paradigmaron, sed ankaŭ tial, ke ĝi estas la unua ekstereŭropa adapto de tiu fama jezuita gramatiko. Per ĝi la jezuitoj evidente celis instrui la latinan al japanoj lernantoj. Ĉi-verke la japanaj vortoj estas presitaj latinlitere (Kishimoto 2006: 50).

Unu jaron poste, en 1595, ankaŭ en Amakusa, la jezuitoj publikigis la 906-paĝan *Dictionarium Latino Lusitanicum, ac Iaponi-*

jezuito Gaspar Vilela (1525–1572) en 1569 (Frison 2013: 95) en la nuna teritorio de Nagasaki — kaj de la ĉirkaŭa domaro, kie loĝis la jezuitoj.

7 Pri ties ekzisto ni scias, ĉar ili estas menciitaj en la leteroj de misiistoj (Kishimoto 2006: 50).

8 "Gramatiko de la japana lingvo".

9 fl. (latine, *floruit*) signifas "floris", t.e. oni scias, ke la koncerna persono agadis dum tiuj datoj, sed la datoj de naskiĝo kaj morto estas nekonataj.

10 "Gramatiko de la japana lingvo".

11 "Gramatiko de la lingvo de Japanio".

12 "Tri libroj pri gramatika instruo: kun japana traduko de la konjugaciaro".

*cum, ex Ambrosii Calepini volumine depromptum*.[13] Temas pri trilingva vortaro (latina-portugala-japana), surbaze de fama latina vortaro kompilita de la itala aŭgustena monaĥo kaj leksikografo Ambrogio Calepino (ĉ. 1440–1510), unuafoje aperinta en 1502 kaj plurfoje reeldonita. Tiu *Dictionarium* estas grava verko, ne nur ĉar temas pri la unua vortaro publikigita de la jezuitoj, sed ankaŭ tial, ke ĝi estas la unua vortaro de eŭropaj lingvoj, presita en Japanio (Kishimoto 2006: 51). Laŭ Lach (1977: 499), ĝi estas ankaŭ la unua presita vortaro de la japana lingvo.[14] Krome, ĝi enhavas ne nur tradukojn de la diversaj sencoj de ĉiu kapvorto, sed ankaŭ "elegantajn ekzemplojn pri lingvouzo"[15] (Kishimoto 2010: 1020).

La vortaron eldonis pluraj jezuitoj, kaj japanaj kaj eŭropaj, sed iliaj nomoj ne estas precize konataj (Kishimoto 2006: 51). La kapvortoj estas en la latina, kaj ilin sekvas la portugalaj tradukoj, markitaj per *Lus.* (el la latina *Lusitanice*, "portugale"), kaj la japanaj tradukoj, latinlitere, markitaj per *Iap.* (el la latina *Iaponice*, "japane").[16] Jen ekzemple la kapvorto *pecunia* ("mono"):

Pecunia, æ. Lus. Dinheiro. Iap. Cane, qinguin. (p. 556)

La unua japana traduko estas facile rekonebla: temas pri *kane* (金 / かね), uzata ankoraŭ nun. La dua respondas al la nuna *kingin* (金銀 / きんぎん), "oro kaj arĝento". Estas rimarkinde, ke la jezuitoj ne uzis la literon *k* por prezenti la fonemon /k/.

Jen ankaŭ la kapvorto *panis* ("pano"), plurrilate interesa:

Panis, nis. Lus. Pão. Iap. Pão. (p. 544)

Estas ĝenerale akceptate, ke la japana *pan* (パン), "pano", devenas de la portugala *pão*,[17] kaj ke tiun bakaĵon enkondukis en Japanion

13 "Vortaro latina-portugala-japana, eltirira el la libro de Ambrogio Calepino".
14 La unua vortaro kompilita en Japanio (en 683) estis de la ĉina (Zwartjes 2011: 276).
15 *"elegant examples of usage"*.
16 La vortaro estas libere konsultebla ĉe: https://catalog.hathitrust.org/Record/008420456 (vidita je 2018/04/26)
17 Tiun etimologion proponas i.a. la angla vikivortaro: https://en.wiktionary.org/wiki/パン#Japanese (vidita je 2018-04-26) Ĝi prezentas kiel fontojn jenajn du japanajn vortarojn: Kokugo Dai Jiten, Tokio: Shogakukan 1988; Daijirin, 3a eld. Tokio: Sanseidō, 2006. Tamen Niehaus; Walravens

ĝuste la portugaloj.[18] Laŭ Niehaus; Walravens (2017: 202), en la disvastigo de pankonsumo en tiu lando inter 1549 kaj la komenco de la 17a jarcento ludis rolon la eŭkaristia rito.[19] Nu, estas interese, ke en la priparolata vortaro la jezuitoj skribis ne *pan* sed *pão* kiel japanan tradukon. Ĉu eble tiam ili ankoraŭ rigardis la vorton kiel neasimilitan?[20]

La didaktikan celon de la vortaro klare indikas la fina parto de ĝia subtitolo: "por uzo kaj profito de japanaj junuloj, kiuj okupiĝas pri la latina kaj ankaŭ de eŭropanoj, kiuj lernas la japanan".[21] La portugala, laŭ tiu duobla celo, principe ne estus necesa en tia vortaro, sed Kishimoto (2006: 52) atentigas, ke la plimulto de la jezuitoj en Japanio estis portugaloj.[22] Krome, laŭ lia esploro (p. 54), la kompilintoj de *Dictionarium* japanigis iujn ekzemplojn rekte el la latina, sed aliajn senpere el la portugala, kio montras, ke la verko celis ankaŭ faciligi la studon de la portugala fare de japanoj, kvankam tio ne estas eksplicite indikita en la titolo de la verko. Li eĉ konjektis (p. 56), ke la jezuitaj misiistoj inter si parolis portugale, kaj tial la japanoj bezonis studi tiun lingvon por komuniki kun ili. Laŭ japana fonto menciita de li, la japanoj — ne nur kristanoj sed ankaŭ komercistoj — uzis la portugalan por komuniki kun eksterlandanoj.

(2017: 202) citas fontojn, laŭ kiuj tiu vorto devenas (ankaŭ) de la franca pain. Cherpillod (2003: 344) sen plia komento aldonas la japanan パン pan al la listo da latinidaj vortoj, devenintaj de la latina panis, ne precizigante, ĉu ĝi devenas de la portugala pão.

18 Laŭ Sako; Steinmetz (2007: 19), ili enkondukis ankaŭ tabakon, ludkartojn kaj tempuron. La japana vorto *tenpura* (天麩羅 / てんぷら), cetere, estas portugaldevena (*tempero*, *tempera* aŭ *têmpora*).

19 Se konsideri, ke tiam la latina estis grava liturgia lingvo, eble la etimologia indiko de Cherpillod (vidu noton 17), kiu implicite donas la latinan *panis* kiel senperan etimon de パン *pan*, ne estas neglektinda.

20 Ĉiaokaze, en 1870, kiam aperis en Romo la 749-paĝa *Lexicon Latino-Iaponicum* ("Vortaro Latina-Japana"), kiu baziĝas sur la antaŭa trilingva vortaro latina-portugala-japana, sed estas "korektita kaj pligrandigita" (*emendatum atque auctus*), oni prezentis la japanan vorton laŭ la tradicia latinlitera transskribo: Panis, is. *Pan* (p. 437). La vortaro estas libere konsultebla ĉe:
https://catalog.hathitrust.org/Record/100198157

21 *"in vsum, & gratiam Iaponicae iuuentutis, quae Latino idiomati operam nauat, nec non Europeorũ, qui Iaponicũ sermonem addiscunt".*

22 Li citas japanan fonton, laŭ kiu en la periodo 1549–1643 en Japanio ekzistis 116 portugaloj inter la 185 alilandaj jezuitoj.

## 1.3 La fama interpretisto

La gravecon de la portugala en tiama Japanio montras i.a. la agado kaj verkado de la portugala pastro João Rodrigues, S.J. (ĉ.1561-ĉ.1634), kiu dediĉis sian preskaŭ tutan vivon al evangelizo de Japanio. Li estis interpretisto de la itala jezuita inspektisto Alessandro Valignano, S.J. (1539–1606) dum lia unua restado en Japanio (1579–1582), kaj ĝuste tiam li ricevis sian alnomon *Tçuzu*,[23] "la interpretisto", ne nur pro sia bona parolkapablo en la japana, sed ankaŭ tial, ke oni volis distingi lin de alia samnoma jezuito, João Rodrigues Girão (1558–1629), kiu venis en Japanion en 1586 kaj ankaŭ akiris bonan scipovon de la lingvo.

João Rodrigues *Tçuzu* verkis du portugallingvajn gramatikojn pri la japana: la 479-paĝan *Arte da lingoa de Iapam*[24] (Nagasaki 1604–1608), kaj pli mallongan version (tamen kun ege pli longa titolo!) *Arte Breve da Lingoa Iapoa tirada da arte grande da mesma lingoa, pera os que começam a aprender os principios della*[25] (Makao, 1620). La leksikografian laboron de la portugala jezuito kvitancis Boxer (1950: 363) per jena entuziasma laŭdo: "kiel studinto pri la japana, mi kredas, ke ne estas troigo nomi la portugalan pastron João Rodriguez *Tçuzu* S.J. la Patro de la Studoj pri la Japana Lingvo, Honoron al li!".[26]

## 1.4 La lastaj latinaj lerniloj ĉi-periodaj

Tamen, malgraŭ la graveco de la portugalala en Japanio, la latina ne ĉesis roli kiel vehiklo por diskonigo de la japana. En 1632, Sacra Congregatio de Propaganda Fide ("Sankta Kongregracio por

23 Laŭ Boxer (1950: 340), temas pri "malnova japana formo de la termino *Tsuji* aŭ *Interpretisto*" (*an old Japanese form of the term* Tsuji or Interpreter).

24 "Gramatiko de la lingvo de Japanio".

25 "Mallonga gramatiko de la japana lingvo, eltirita el la granda gramatiko de la sama lingvo, por eklernantoj de ties unuaj principoj".

26 "*as a former student of Japanese, I feel is no exaggeration to term the Portuguese Padre João Rodriguez Tçuzu S. J., the Father of Japanese Language Studies*, Honra lhe seja!".

Disvastigo de la Fido") en Romo ja publikigis en la cicerona lingvo 74-paĝan *Ars grammatica iaponicae linguae*[27] kaj 158-paĝan[28] *Dictionarium sive thesauri linguae iaponicae compendium*[29], ambaŭ plume de la hispana pastro Diego Collado, O.P.[30] (m. 1638). La celon de la gramatiko, kies malneto estis en la hispana (Demonet; Uetani 2008: 130), klare montras ĝia subtitolo: "por profito kaj helpo de tiuj volantaj veni en la japanan reĝlandon por prediki la evangelion".[31] Saracho Villalobos (2016: 1588) opinias, ke "ĝi plu estas fundamenta referenco por filologiaj studoj".[32]

La vortaro, malgraŭ la titolo, estas tamen trilingva: kursivajn latinajn kapvortojn ja sekvas tradukoj hispanaj (ankaŭ kursive) kaj, latinlitere, japanaj. Jen, ekzemple, tri kapvortoj: *latrina* ("latrino"), *pecten* ("kombilo") kaj *pediculus* ("pediko"):

> *Latrina*, *æ*, *secretas*, daixô benjeraruru tocòro, *vel*,[33] xecchin. (p. 71)
> *Pecten*, *nis*: *peine*, cùxi.[34] (p. 98)
> *Pediculus*, *i*, *piojo*, xirami.[35] (p. 98)

Temas pri sufiĉe modesta vortaro. Mankas ja gravaj kapvortoj (ekzemple, *pecunia*, "mono"!), kaj la tuto aspektas iom haste verkita. La aŭtoro mem konfesas en sia dupaĝa *Prologus ad lectorem* ("Antaŭparolo por la leganto"), ke li "enskribis nur tiujn [vortojn], kiuj venis en la malfortan memoron".[36] Fine de la libro (p. 147–156) troviĝas listo da vortoj, kiuj elglitis el la ĉefa korpo

27 "Gramatiko de la japana lingvo ".

28 Mi tute ne komprenas, kial Hausmann *et al.* (1991: 2621) indikas ĝin kiel verkon 355-paĝan ("355 S."). Laŭ mia scio, aperis nur la menciita eldono el 1632, kiun mi feliĉe povis konsulti ĉe https://books.google.pt/, kaj ĝi estas klare 158-paĝa. Ĉu eble la pli granda paĝnombro inkluzivas la suplementon?

29 "Vortaro aŭ kompendia trezoro de la japana lingvo".

30 O. P. (latine, *Ordinis Praedicatorum*) signifas "de la Ordeno de Predikantoj", t.e. de la dominikana ordeno.

31 *"in gratiam et adiutorium eorum qui praedicandi Evangelii causa ad Iaponiae Regnum se voluerint conferre".*

32 *"sigue siendo una referencia fundamental para los estudios filológicos".*

33 Latina vorto, kiu signifas "aŭ".

34 Vorto ankoraŭ uzata: *kushi* (櫛 / くし).

35 Vorto ankoraŭ uzata: *shirami* (虱 / しらみ).

36 *"ea [vocabula] solum scriptis mandavi quę fragili memorię occurrerunt"* (p. 3–4).

de la vortaro (*Prætermissa*), kaj ĉion kronas listo da korektendaj preseraroj (*Errata Sic Corrige*) sur p. 158, preskaŭ ĉiuj pri japanaj vortoj, kaj postparoleto (*Ad lectorem*) sur p. 157, en kiu la aŭtoro skribas i.a.: "ne mirigu vin (mi petas) tia amaso da preseraroj, se konsideri, ke la japana lingvo estas tiel nekonata al la eŭropaj presistoj".[37] Ekzistas ankaŭ suplemento de tiu vortaro (*Additiones ad dictionarium Iaponicum*), menciita en pluraj katalogoj, iafoje kunbindita kun alia verko de Collado, sed mi ne povis ĝin konsulti. Laŭ Saracho Villalobos (2016: 1590), la triopo *Dictionarium*, *Prætermissa* kaj *Additiones* enhavas entute 11.462 kapvortojn.

La sama hispana pastro aperigis en Romo, ankaŭ en 1632, kuriozan 92-paĝan verkon tute alispecan, kies latina titolo tekstas *Modus confitendi et examinandi pœnitentem Iaponensem, formula suamet lingua Iaponica*.[38] La tuta verko estas dulingva, japane kaj latine, laŭ paralelaj paĝoj. En la japanan tekston (latinliteran) la aŭtoro konstante enŝovis malgrandan kvanton da vortoj pure latinaj, pure hispanaj aŭ mikse hispanlatinaj, por esprimi specifajn konceptojn.[39]

Ne mirigas, ke la verkoj de Collado aperis ne en Japanio, sed en en Romo. Maruyama (2006: 68–69) ja listigas la 30 plej gravajn verkojn, eldonitajn de la jezuitoj en la Lando de la Naskiĝanta Suno, sed la listo haltas ĉe 1620. La stituacio, verdire, fariĝis pli kaj pli malfacila por agado misia, evangeliza kaj eldona. En 1639 oni definitive forpelis ĉiujn alilandajn misiistojn, kaj Japanio fermiĝis al ĉiaj eksterlandanoj, escepte de ĉinoj kaj nederlandanoj (Demonet; Uetani 2008: 128). Tia fermiteco daŭris ĉirkaŭ ducent jarojn kaj ŝajne interrompis la interesiĝon kaj okupiĝon pri la latina fare de japanoj...

37 *"erratorum vero multitudinem videns, ne (quæso) mireris, cum typographis Europeis, sit lingua Iaponica tam incognita".*

38 "Maniero konfespreni kaj ekzameni japanan pentanton en lia propra japana lingvo".

39 *Deus* ("Dio"), *confesion* ("konfeso"), *confesor* ("konfesprenanto), *Christian* ("Kristano), *Deus padre* ("Dio patro"), *Deus filio* ("Dio filo"), *spirito sancto* ("sankta spirito"), *Iesu Christo* ("Jesuo Kristo"), *iglesia catholica* ("katolika eklezio"), *angeles* ("anĝeloj"), *gracia* ("graco"), *humanidad* ("homaro"), *padre* ("pastro"), *fides* ("fido"), *diuinidad* ("dieco"), i.a.

Pri la malfacileco traduki la vorton *Deus* fare de la jezuitoj en tiama Japanio vidu detalan pritrakton ĉe Saito (2014: 16–17, 56–58, 68).

### 1.5 Reviviĝo de la latina en Japanio

Tamen en la 19a jarcento la latina ree ekfloris en Japanio. Laŭ Amorós; Mito (1987–1988: 124), inter 1871 kaj 1987 aperis en Japanio ĉirkaŭ 130 lernolibroj pri la latina, kaj en la lasta jardeko de tiu perido aperis eĉ po ĉirkaŭ tri tiaj libroj ĉiujare, dum pri la helena aperis 40 lernolibroj en iom pli ol 50 jaroj. Vere impresa kaj impona mi trovas ilian longan kaj detalan liston (p. 126–177) da lernolibroj, kompendioj, gramatikoj, vortaroj (kaj ĝeneralaj kaj fakaj) pri la latina kaj helena kaj tradukoj el tre multaj grekaj kaj latinaj klasikuloj fare de japanoj ĝis 1987.

Ĝuste en la sekva jaro (1988) mi ekrilatis latine kun japana profesoro, kaj tiel komenciĝas tute nova ĉapitro...

## 2. Latina korespondado inter japana profesoro kaj portugala junulo

### 2.1 Mia itinero interlingva

La franca estas la unua fremda lingvo, kiun mi lernis. Mi ekstudis ĝin en elementa lernejo. Mi estis tre juna kaj ricevis belegan impreson pri tiu ĉi lingvo. Hodiaŭ, post tiom da jaroj, mi ankoraŭ amegas ĝin. Laŭ portugala proverbo, *não há amor como o primeiro* ("neniu amo kompareblas al la unua").

Post kelke da jaroj mi eklernis la anglan en privata lingvolernejo, sen granda entuziasmo en la komenco, sed mia fervoro rapide kreskis dum la lernado. Mi fariĝis amanto ne nur de lingvoj ĝenerale, sed ankaŭ aŭ precipe de lingvaj aferoj, de la intima kaj aparta maniero kiel ĉiu lingvo aranĝas siajn sonojn kaj vortojn kaj strukturas siajn komunikajn rimedojn.

Kiam mi estis agronomia studento, mi decidis eklerni ankaŭ la latinan, por legi la verkojn de la sveda botanikisto kaj kuracisto Linneo (1707–1778) en la originala lingvo. Baldaŭ poste mi ren-

kontis Esperanton unuafoje kaj eklernis ĝin kun entuziasmo, sed mia okupiĝo pri la latina ne ĉesis. En julio de 1987 mi eĉ latinigis la Fundamentan Gramatikon de Esperanto, sed la manuskripto restis 26 jarojn en tirkesto (Neves 2013). Tamen nun mi ne volas devojiĝi de mia temo. En alia artikolo (Neves 2005) mi ja rakontis pli detale mian itineron tra la diversaj interlingvoj...

## 2.2 Hazarda interkonatiĝo kun japana profesoro

Nu, dum la plej entuziasma periodo de mia longa latina lernado, mi fariĝis amiko de Nicolau Firmino (1907–2001), portugala eldonisto, verkisto, repetitoro pri la latina kaj fervora latinisto, kiu estis ankaŭ mia najbaro, tiam jam maljuna kaj iom malsana. Mi vizitis lin ĉiusemajne en lia modesta lisbona loĝejo, kaj ni longe konversaciis (en la portugala!) pri latinaj literaturo kaj kulturo kaj pri la ĉefaj verkistoj de la cicerona lingvo.

Li estis ankaŭ tre malavara kaj donacema. Foje li donacis al mi ekzempleron de verko, kiun li mem eldonis sub la titolo *Lusiadæ*. Temas pri latina traduko de *Os Lusíadas* (“La Luzidoj”),[40] konata epopeo de la portugala poeto Kamonio (Luís de Camões, c. 1524–1580), majstre komponita de la dominikana monaĥo Clemente de Oliveira (1905–1996).[41]

40 Ĉi-titole aperis ĉe Fonto en 1980 bela kompleta esperanta traduko de Leopoldo Knoedt. Baldaŭ aperos dua eldono, ankaŭ ĉe Fonto.

41 *Ludovici Camonii. Lusiadæ. Clemente de Oliveira, O.P. interprete. Sumptibus Nicolai Firmini Lusitani. Olisipone MCMLXXXIII*. Tiu ĉi unua eldono (1983) enhavas dupaĝan (p. 21–22) latinlingvan averton (*Præmonenda*) de la eminenta portugala latinisto kaj jezuito António Freire (1919–1997), sed tiu teksto mistere malaperis el la dua eldono (1988), ŝajne pro deziro de ĉi lasta, kiu ja tiun averton aperigis jam 17 jarojn antaŭe, en 1966, okaze de la publikigo, en la gazeto *O Instituto*, de la latinigo, fare de Clemente de Oliveira, de nur la unua el la dek kantoj ĉi-verkaj. Do ŝajne la favora opinio de Freire intertempe ŝanĝiĝis. Oni ne forgesu, krome, ke ĉiam ekzistis rivaleco inter jezuitoj kaj dominikanoj. La unuaj ja kalemburis latine, ke *si cum Dominicanis, non cum Domino canis* (“se [vi kantas] kun la dominikanoj, vi ne kantas kun la Sinjoro”), sed la duaj ripostis, ankaŭ kalembure, ke *si cum Iesuitis, non cum Iesu itis* (“se [vi iras] kun la jezuitoj, vi ne iras kun Jesuo”)...
La vivodatojn de P-ro Clemente de Oliveira konfirmis al mi per privata mesaĝo je 2018-04-27 P-ro Gabriel Silva, kiu ĉerpis la donitaĵojn el la Katalogo de la Dominikana

Dum unu el miaj vizitoj, mia amiko montris al mi kuriozan leteron, skribitan en neriproĉebla latina, de la japana profesoro Eiichiro Tani, kiu instruis la anglan kaj la francan en Nara kaj multe ŝatis ankaŭ la historion de Portugalio. Li rakontis al mi, ke tiu latinisto, dezirante studi la fontojn pri la marvojaĝoj de la portugaloj, mendis ekzempleron de *Lusiadæ* kaj tiucele komencis korespondi latine kun li. Poste li sendis al tiu plurajn librojn en la portugala.

En la menciita letero, sendita je 1987-07-15, la japana profesoro, kiu latinigis sian antaŭnomon al *Eiitirous*, konfirmis la ricevon de la libroj senditaj "plej afable" (*perhumaniter*) kaj diris i.a., ke, "kvankam la nomo de Kamonio estas konata ankaŭ en tiu ĉi mondoparto, tamen pro nescipovo de la portugala lingvo oni tre malofte legas lin ĉe ni".[42] La aziano ankaŭ konfesis, ke, kvankam li jam eklernis la portugalan kaj eĉ jam legas "plezure" (*iucunde*) ricevitan portugallingvan libron pri universala historio, tamen "la granda kamonia verko estas tre malfacile legebla".[43] Malgraŭ tio, la latina traduko de Clemente de Oliveira, laŭ li, "ege faciligas la legon kaj montras, ke la latina, kiun multaj jam opinias mortinta, estas tre utila, eĉ en nia tempo, por internacie komprenigi kaj disvastigi literaturaĵojn".[44] Plie li montris sian miron, ke "ankoraŭ tiel viglas la okupiĝo pri la latinaj lingvo kaj literaturo en Portugalio"[45] (tiam ankaŭ mi miris, ke tiun impreson li ricevis...), kaj fine li esprimis jenan lamenton: "Kiel bele, se ankaŭ en Japanio la latina florus kaj ekzistus multaj latinistoj!".[46]

Ordeno eldonita en 2016 (p. 62). Bedaŭrinde pluraj retejoj indikas eraran mortodaton.

42 "*quamquam nomen Camonii et in hac orbis parte celebratur, tamen propter ignorantiam linguae Lusitanae rarissime apud nos legitur*".
Kurioze, Eiichiro Tani komencis ĉiujn frazojn per minuskla litero (same kiel Ito Kanzi!), sed li uzis majusklojn ene de la frazoj por indiki lok- kaj hom-nomojn (malsame ol Ito Kanzi!).

43 "*magnum opus Camonii est lectu difficillium*".

44 "*praebet lectionem facillimam demonstratque linguam Latinam, quam multi iam mortuam esse autumant, et nostra aetate ad opera litteraria inter populos intellegenda divulgandaque magno usui esse*".

45 "*studium erga Latinitatem litterasque Latinas in Lusitania adhuc tantum vigere*".

46 "*utinam et in Iaponia litterae Latinae florerent multique evaderent latinistae!*".

## 2.3 Komenciĝas transmara leterŝanĝo latina

Nu, kiam mia amiko montris al mi tiun leteron de la japana profesoro, mi tuj notis ties adreson en mia kajero. Samtage, tuj post mia reveno hejmen, je 1988-07-13, mi skribis mian unuan leteron en la latina kaj tuj sendis ĝin al Japanio. En ĝi mi diris i.a., ke "mi ŝatus korespondi kun viro tiel klera, kiu havas eksterordinaran intereson pri Portugalio".[47] Tiucele mi aldonis internacian respondkuponon kaj, dezirante tiun aldonon sciigi en la letero mem, mi ekhavis la unuan seriozan terminologian problemon, kiam mi vane serĉis en vortaroj taŭgan vorton aŭ esprimon latinan por priparoli tiun modernaĵon. Post ŝvitiga cerbumado, mi fine ŝpinis bizare klaftolongan priskriban esprimon kaj ĝin eternigis en la letero...[48]

Mi senpacience atendis lian respondon, kiu fine alvenis komence de aŭgusto, kaj tiel komenciĝis nia interesa korespondado, kiu daŭris ĝis decembro de la sama jaro. En sia unua letero, datita je 1988-07-30, Eiichiro Tani sciigis min i.a., ke la nomo de Portugalio estas "tre konata" (*notissimum*) en Japanio, "ĉar la portugaloj estis la unuaj eŭropanoj, kiuj venis en Japanion kaj alportis plurajn novajn fakajn konojn al la sensciaj japanoj".[49] Krome li informis, ke "tiam iuj japanoj lernis la latinajn lingvon kaj literaturon de misiistoj, kiuj plejparte estis portugaloj"[50] kaj ke "dum ĉirkaŭ 70 jaroj floris komerco inter portugaloj el Makao kaj japanoj".[51]

En la sama letero li ankaŭ rakontis al mi, ke, "studante la historion de kristanismo en Japanio", li "eksciis pri la ekzisto de multaj

47 "*mihi placere epistularem habere commercium cum viro quidem doctissimo rerumque studiis lusitanarum mirifice dedito*".

48 "*tesserula omnibus in nationibus facultatem pittacia emendi postalia offerens*"...

49 "*quia Europaeorum primi Lusitani in Iaponiam pervenurunt artesque novas et varias Iaponiensibus rudibus attulerunt*".
Inter tiuj *artes novas et varias*, kiujn mia korespondanto ne detalis, troviĝas la jam menciita presilo el metalaj tipoj kaj diversaj fakaj konoj pri medicino, astronomio, matematiko kaj navigado.

50 "*erant tunc temporis Iaponienses qui ab missionariis quorum pars maxima nationis Lusitanae erat linguam Latinam litterasque Latinas discerent*".

51 "*commercium inter Lusitanos Macaenses et Iaponienses per LXX fere annos florebat*".

dokumentoj, verkitaj de misiistoj, kaj latine kaj portugale".[52] "Tial" li "provis eklerni ankaŭ la portugalan, por povi legi tiajn verkojn".[53] La portugalan gramatikon li trovis "ne tro malfacila" (*non nimis difficilis*), sed laŭ li "la prononco estas malfacilega por japanoj, ĉar" ilia "lingvo, same kiel la latina, posedas nur malmultajn vokalojn".[54]

Li plie informis min, ke "oni ja instruas la latinan en pluraj universitatoj en Japanio, sed oni dediĉas nur tre mallongan tempon al latina verkado, kio estas ege bedaŭrinda.[55] Tial liaj "amikoj, kiuj bone legas la latinan, opinias ĉi-lingvan verkadon neutila laboro, kaj tre malmultaj kuraĝas verki en ĝi".[56] Krome, "inter la plej kleraj viroj, kiuj okupiĝas pri la latina kaj helena en Japanio, preskaŭ neniuj verkas sian disertacion latine".[57]

En la koverton de sia unua letero mia nova korespondanto enmetis ankaŭ fotokopion (*exemplum photocopiatum*, laŭ lia esprimo)[58] de artikolo aperinta en la franca gazeto *Sud-Ouest*, kun foto, sub la titolo *Le latin pour passeport* ("La latina kiel pasporto"), pri lia vizito, en la okcitana urbo Paŭo, ĉe geedzoj Immé, nome Antoninus (Antonino) Immé (1901–1988), siciliano, kaj Genovefa (Geneviève) Immé (1929–2012), parizanino kaj aŭtoro de multaj latinaj verkoj originalaj kaj tradukitaj, i.a. dulingva (franca-latina) hajkaro.[59] Sub la virtuoza plumo de Geneviève, eĉ la konata internacia siglo S.O.S. fariĝis latina: *Succurrite, O Sodales*![60] La geedzoj

52 "*cum res Christianorum in Iaponia gestas legerem, multa ab missionariis et Latine et Lusitanice scripta esse cognovi*".

53 "*itaque linguam quoque Lusitanicam discere conatus sum ut talia opera legere possem*".

54 "*pronuntiatio autem Iaponiensibus, quia lingua nostra sicut Latina paucas tantum vocales possidet, perdifficilis est*".

55 "*variis in universitatibus Iaponiae Latine quidem docetur, sed Latine scribendo brevissimum tantum tempus attribuitur, quod est valde dolendum*".

56 "*amicorum meorum qui Latine legere callent paucissimi scribere audent dicentes Latine scribere laborem esse inutilem*".

57 "*ex viris doctissimis qui in Iaponia litteris Latinis Graecisque operam navant est fere nemo qui dissertationem suam Latine scribant*".

58 En posta letero li skribis *exemplare photocopiatum*. Egger (2003: 323) proponas pli komplikajn esprimojn: *exemplar luce expressum* aŭ *exemplar photographice expressum*...

59 *Haïkaï quotidiens. Haïcuas cottidiana*, Mazet St Voy, ed. Tarmeye, 1998, 157 p.

60 *Vox Latina* 22/86: 554.

estis konataj latinaj poetoj kaj, laŭ la gazeto, hejme ili interparolis latine, ĉiutage. Tial "ofte vizitis ilin belgoj kaj usonanoj pro la plezuro esprimi sin en la lingvo de Vergilio".[61] Sur la foto oni vidas la triopon ĉe tablo (Geneviève kaj la japano — tiam 38-jara — stare, Antonino side) kaj, sur ĝi, tri bildlibrojn en la latina. Al la ĵurnalisto la gastigantino interese deklaris, ke por ŝi "tiu ĉi lingvo estas sinonimo de amo kaj amikeco. De amo, ĉar dank' al ĝi mi konatiĝis kun mia edzo. De amikeco, ĉar ĝi ebligis al ni dialogi kun homoj el multaj malsamaj landoj".[62] Ankaŭ la japanon oni intervjuis, kaj li konfesis, ke "La latina estas lingvo malmulte intruata en Japanio. Miaflanke mi ĝin lernis en tradicia maniero ĉe la kiota universitato. Tamen, dum mi havas malfacilaĵojn pri la franca prononco, mi facile esprimas min dank' al ĝi".[63] La ĵurnalisto aldonis, ke "tion li diris... latine, evidente".[64]

## 2.4 Venas pliaj leteroj

Sian duan leteron al mi, skribitan je 1998-10-11, Eiichiro Tani komencis per priskribo pri antaŭ nelonge spektita filmo (*ludus cinematographicus*),[65] titolita *Dans la Ville Blanche* ("En la blanka urbo"), kies intrigo parte okazas en Lisbono. En la filmo "aperas kalkitaj domoj, mallarĝaj stratoj, tramoj, muroj malpurigitaj per pluraj grafitioj, deliktaj junuloj tranĉile armitaj".[66] Li trovis "la

61 *"Des Belges, des Américans leur on souvent rendu visite, pour le plaisir de s'exprimer dans la langue* [de] *Virgile*".

62 *"cette langue est synonyme d'amour et d'amitié. D'amour parce que c'est grâce à elle que j'ai rencontré mon mari. D'amitié parce qu'elle nous a permis de dialoguer avec des personnes de nombreux pays différents."*

63 *"Le latin est une langue peu enseignée au Japon. Pour ma part, je l'ai apprise de manière traditionelle, à l'université de Kyoto. Néanmoins, alors que j'ai des difficultés de prononciation française, je m'exprime facilement grâce à elle*".

64 *"Propos tenus... en latin, évidemment*".

65 Egger (2003: 311) proponas manplenon da esprimoj: *pellicula cinematographica*, *taenia cinematographica*, *taeniola cinematographica*, *visifica pellicula*, *horama*. Freire (1960: 133) aldonas du kandidatojn: *picta fascia*, *cinematographicae imagines*...

66 *"aedificia dealbata, viae angustae, raedae transviariae, parietes variis inscriptionibus foedatae, perditi iuvenes cultro armati monstrantur*".

filmon neĝoja, tamen utila por ekkoni la etoson de la urbo kaj la kutimojn".[67] Fine li bedaŭris, ke "multaj konas la Betleheman Turon kaj faduon sed nenion pli scias pri Lisbono".[68]

Reage al mia bedaŭro, ke pafarmilojn (*tela ignivoma*) enkondukis en Japanion ĝuste portugaloj, li tion opiniis "verdire ne tiel bedaŭrinda",[69] ĉar "antaŭe Japanio estis dividita en ĉirkaŭ sesdek landojn, kiuj konstante intermilitis. Post la importo de fusiloj la interna militado finfine ĉesis kaj la popolo ekĝuis pacon. Poste, dum multaj aziaj landoj falis sub la regon de eŭropanoj, Japanio povis resti sendependa".[70] Jen interesa perspektivo...

Responde al mia demando pri la latina prononco uzata en Japanio, Eiichiro Tani informis min, ke "la japanoj uzas la restarigitan prononcon, kaj tiel same elparolas klerega Geneviève Immé kaj aliaj francoj kaj germanoj, kiuj favoras la latinan kiel vivantan lingvon".[71] Tamen en Japanio nur lia instruisto "ofte parolas latine, aliaj instruistoj (kio plej bedaŭrindas) neniam".[72]

En sia tria letero, skribita je 1988-11-11, mia korespondanto, reage al mia mencio pri Esperanto en antaŭa letero, diris, ke "via okupiĝo ankaŭ pri la zamenhofa lingvo venigas al mi multe da rememoroj".[73] Kaj li plue rakontis tre interesan epizodon el

67 *"ludum non iucundum, tamen utilem ad ambitum locorum morumque cognoscendum"*.

68 *"Turrem Bethlehemensem et cantum Lusitanum qui vulgo Fado vocatur noverunt multi, sed amplius de Olisipone ignorant"*.

69 *"re vera non tam lamentabile fuit"*.

70 *"antea enim Iaponia in sexaginta fere civitates divisa erat. et hae inter se continenter bellum gerebant. sclopeto importato bellum civile tandem finitum, pax populo reddita est. postea multae Asiae civitates cum sub potestate Europaeorum redigerentur, Iaponia sui iuris manere potuit"*.
Ne estas facile traduki la vorton *civitates*. Laŭ Ward (2009: 5), "La regno estis dividita en pli ol sesdek feŭdajn reĝlandojn" (*The nation was divided into more than sixty feudal kingdoms*). Tamen, laŭ mia scio, ne ekzistis veraj reĝoj. Eble estus pli ĝuste paroli pri *fiefdoms* (senjorlandoj). Bartoli (1857: 172) parolis pri "japanaj princoj" (*principi giapponesi*).
Por "fusilo", la vorton *sclopetum*, uzitan de mia korespondanto, kaj ankaŭ de Bellaroto (1987: 372), subtenas ankaŭ Freire (1960: 34), aldone al *manuballista ignivoma*, kiun prezentas ankaŭ Egger (2003: 331), aldone al *pyroballista*.

71 *"nos Iaponienses pronuntiatione linguae Latinae restituta utimur. doctissima Genoveva Immé et alii Galli Germanique fautores vivae Latinitatis eadem voce loquuntur"*.

72 *"saepe Latine loquitur, alii professores (quod maxime dolendum est) nunquam"*.

73 *"quod et linguae Zamenhofianae faves, multa mihi in mentem veniunt"*.
Por "Esperanto" mia korespondanto do uzis ĝuste la saman esprimon (*lingua Za-*

sia vivo: "Iam mi ja per tiu ĉi artefarita lingvo korespondis kun eksterlandanoj, pro mia patro, kiu jam de multe da jaroj kuŝis en lito sed volis leterŝanĝi kun alinacianoj. Lian volon mi plenumis kaj dum ĉirkaŭ ok jaroj, amoplene, mi tre multajn leterojn japanigis el la zamenhofa lingvo kaj ankaŭ el tiu ĉi lingvo tradukis japanen. Tamen, post la morto de mia patro, la korespondado tute ĉesis".[74] Jen do, Eiichiro Tani dum ĉirkaŭ ok jaroj agis kiel iaspeca leterkolombo inter sia enlita patro kaj la mondo, kaj tiucele li uzis ne la anglan (kiun li instruis en universitato), nek evidente la latinan (kiun li plej favoris), sed... Esperanton!

La japana profesoro rakontis al mi ankaŭ, ke li "antaŭ ĉirkaŭ kvin jaroj ekkonis novan artefaritan lingvon, pli naturan ol la zamenhofa",[75] pri kies estonteco li tamen ne montriĝis optimisma: "mi tute ne opinias, ke tiu ĉi lingvo, nomata Interlingua, iam fariĝos komuna al ĉiuj, sed ĝia strukturo kaj sistemo plaĉas al mi".[76] Post kelke da jaroj mi sciiĝis, ke Eiichiro Tani dum kelka

*menhofiana*), kiun proponas Egger (2003: 285), ĉe kiu troviĝas ankaŭ *Zamenhofianae linguae fautor* por "esperantisto". Tamen Angelinus (1987: 374) preferis asimili la lingvonomon kiel neŭtran substantivon (*esperantum*), kaj Carlo Agostini, *latini sermonis amator* ("amanto de la latina lingvo"), en latina letero, sendita je 1956-11-21 al Jean Capelle, tiama rektoro de la universitato de Nancio, en Francio, kaj iniciatinto de la kongreso de *Latinitas viva* ("vivanta latino") en Avinjono, samlande, en aŭgusto 1956, eĉ uzis ĝin kiel neasimilitan vorton: *De ea lingua dico, quam "Esperanto" nuncupant* ("Mi parolas pri la lingvo, kiun oni nomas Esperanto"); *Esperanto est, vivit, viget* ("Esperanto ekzistas, vivas, viglas"); tamen li ne hezitis uzi ĝin ankaŭ adverbe, inter citiloj — menciindas, ke unu el la adverbaj finaĵoj en la latina estas egala al tia finaĵo esperanta — en jena frazo: *Multa enim hominum milia, non modo doctorum, sed et indoctorum, nullo cogente et legunt et scribunt et loquuntur "Esperante"* ("Multe da miloj da homoj, ne nur kleraj, sed ankaŭ nekleraj, tute libervole, kaj legas kaj skribas kaj parolas esperante"). Li uzis ankaŭ la vorton *esperantista*, inter citiloj: *nullus iam invenitur tam longinquus terrarum locus, ubi non aliquis "esperantista" sit* ("ne plu troveblas tiel fora loko sur la tero, kie ne estus iu esperantisto"). La tuta letero legeblas ĉe Agostini; Marelli (1959: 28–30).

74 *"quondam equidem per hanc linguam commenticiam commercium epistulare cum peregrinis habebam pro patre qui multos iam per annos in lecto iecerat, quique tamen cum alienigenis commercium litterarum habere avebat. cui morem gessi et octo fere annos pietatis causa permultas epistulas ex lingua zamenhofiana Iaponice et item ex Iaponica in illam linguam converti. patre autem mortuo commercium omnino finitum est"*.

75 *"abhinc quinque fere annos novam linguam commenticiam naturaliorem quam Zamenhofianam cognovi"*.

76 *"hanc linguam cui nomen est Interlingua aliquando omnibus communem fore minime puto, tamen structura systemaque linguae mihi placet"*.

tempo okupiĝis ankaŭ pri Interlingua (kiun mi ankoraŭ ne eklernis kiam ni estis korespondantoj), ĉar mi konstatis ke, en *Lingua e Vita* (n-ro 50, p. 1), organo de BIS (British Interlingua Society), fondita en 1965 de Brian C. Sexton (n. 1927), iama idisto (aŭtoro i.a. de *Un breve dictionario Ido-Interlingua*, 1958), li publikigis artikolon sub la titolo *Notas sur le lingua japonese* ("Notoj pri la japana lingvo"). Tia larĝmenseco, kiom mi scias, ne estas kutima ĉe novlatinistoj, kiuj ŝajne ignoras aŭ eĉ tute ne konas tiun naturalisman interlingvon. En 1956, Gode (1983: 28–29) ja sendis memorandon (evidente, verkitan en Interlingua!) al la sekretario de la kongreso de *Latinitas viva* okazonta en Avinjono, sed, laŭ mia scio, oni ignoris ĝin. En tiu memorando Gode pledas por la uzo de Interlingua kiel instrua ponto al la klasika latina. Tamen, certaj impetaj esprimoj de Gode, kvankam metaforaj, certe ne plaĉis al la latinaj erudiciuloj: "nia junularo [...] rifuzas ajnan okupiĝon pri mortintaĵoj. [...] Se la latina estas mortinta, [...] per nia klopodo revivigi ĝin, ni agas ne kiel pedagogoj, sed kiel arkeologoj. [...] Pri kadavroj interesiĝas la diablo kaj vermoj"...[77]

Mia korespondanto rakontis interesajn detalojn pri unusemajna vojaĝo, kiun li faris januare de 1987 kun universitata kolego tra Parizo, Madrido, Romo kaj Ateno, kaj pitoreske priskribis la vizititajn monumentojn. En Romo, ekzemple, lin atendis "nur plej mizeraj ruinoj" (*ruinae miserrimae tantum*), dum "la atena Partenono, kvankam tre difektita, ankoraŭ konservas la iaman grandiozecon".[78] Somere de 1988 li denove vojaĝis en Eŭropo, ĉi-foje kun la familio, tutan monaton, tra Germanio, Aŭstrio, Nederlando, Francio kaj Britio. En Lejdeno (*Lugdunum Batavorum*) li vizitis la faman arkeologian muzeon (temas pri Rijksmuseum van Oudheden) kaj, evidente, "kun granda plezuro observis plurajn surskribojn latinajn kaj grekajn".[79] Krome, lin tiel impresis la egiptaj

77 "*nostre juventute* [...] *rejice omne preoccupation con cosas morte*. [...] *Si le latino es morte*, [...] *in nostre effortio a resurger lo nos non age como pedagogos sed como archeologos*. [...] *Le diabolo e vermes se interessa pro cadaveres*" (Gode 1983: 28).

78 "*Parthenon Atheniensis, quamquam multis damnis affectus, magnificentiam antiquam adhuc servat*".

79 "*magna cum voluptate complures inscriptiones Latinas Graecasque contemplatus sum*".

monumentoj, ke lin "poste kaptis la deziro eklerni la egiptajn hieroglifojn".[80]

Fine li sciigis min, ke antaŭ nelonge oni aperigis la konfesojn, kiujn la japana imperiestro Hirohito (1901–1989) faris post la fino de la "dua mondmilito" (*bellum pancosmium secundum*). "La japanojn konsternas tiu ĉi legaĵo"[81], ĉar evidentiĝis, ke "la militestroj, kiujn oni opiniis ĉiam plej fidelaj al la imperiestro, verdire ofte rezistis al li, kiu estis pacisto".[82]

## 2.5 Finiĝas la ekzota korespondado

En mia responda letero mi sendis al li i.a. sekiĝintan arbuton,[83] leginte lian plendon, ke tiun frukton, tiel ofte menciitan de latinaj klasikuloj, li ne konas, ĉar en Japanio arbutarboj ne kreskas. Responde, en sia kvara kaj lasta (kaj plej longa) letero, skribita je 1988-11-19, Eiichiro Tani kore dankis min pro la sendaĵo, kiun li "eĉ sonĝe ne atendis".[84] Tamen, lin ŝajne ne konvinkis mia informo pri dolĉeco de arbuto, kaj li eĉ petis ke mi konfirmu, "ĉu tiu ĉi bero, kiam kruda, verdire dolĉas",[85] ĉar ĉe Plinio li legis, ke ĝi estas *pomum inhonorum* ("neŝatinda frukto") kaj ke ĝia dua latina nomo (*unedo*) venas de la esprimo *unum tantum edendi* ("ne manĝu pli ol unu"). Min ridigis tiu komento kaj tiu popola etimologio, ĉar la senditan ekzempleron mi plukis el arbutarbo, kiu tiam kreskis en

80 "*ut postea litterulas Aegyptiacas quae vulgo hieroglyphicae nominantur discendi cupiditas me ceperit*".

81 "*Iaponienses his lectis mirum in modum afficiuntur*".

82 "*duces militum qui imperatori semper fidelissimi esse putabantur re vera saepe ipsi, qui pacem amabat, resistebant*".

83 Arbuto (latine *arbutum*) estas la frukto de arbutarbo (latine *arbutus*), same kiel pruno (latine *prunum*) estas la frukto de prunarbo (latine *prunus*) kaj pomo (latine *malum*) estas la frukto de pomarbo (latine *malus*) ktp. Bedaŭrinde la vorto *arbuto* ricevis mistrakton en PIV (1970), kie ĝi signifas unuasence la frukton kaj duasence (kial?) la arbon, kaj tutan draŝon en NPIV (2002), kie ĝi signifas unuasence (kial??) la arbon kaj nur duasence la frukton. Espereble tria eldono de PIV tiun arbitran leksikografiaĵon korektos. Camacho (2013: 70–71) detale pritraktis botanikajn strangaĵojn de NPIV.

84 "*ne somno quidem exspectabam*".

85 "*an re vera haec baca cruda dulce sapiat*".

la ĝardeno de miaj geonkloj, kaj ĉiuj fruktoj plukitaj el ĝi sendube gustis en mia buŝo! Eble temas pri tio, ke en la regiono, kie Plinio botanikumis, arbutarboj ne ricevis tiom da sunlumo, aŭ temis pri alia vario, aŭ eĉ pri tio, ke la fama naturscienculo verkis pri io nur legita, sed nespertita. Nu, en alia teksto samaŭtora mia korespondanto legis ankaŭ, ke tiu arbo "donas frukton malfacile digesteblan kaj malutilan por la stomako".[86] Tia malfavora komento verŝajne venas de tio, ke laŭdire troa manĝo de arbutoj ebriigas, kion mi povas proprasperte nek konfirmi nek malkonfirmi, sed mi supozas, ke ebriigo okazas nur ĉe fruktoj tro maturaj, jam fermentantaj (el arbutoj oni ja faras konatan brandon en Portugalio).

Responde al rea demando miaflanka pri la restarigita prononco de la latina, Eiichiro Tani komentis, ke "la japana, kvankam tre malsimila al la latina, tamen havas similajn vokalajn kvantojn"[87] Kiel ekzemplon li donis la japanajn vortojn *tŏri* ("birdo") kaj *tōri* ("strato") kaj, analoge, la latinajn *mălum* ("malbono") kaj *mālum* ("pomo") kaj konkludis, ke "por japanoj estas facile imiti la restarigitan prononcon".[88]

La koverton de tiu ĉi lasta letero mia korespondanto farĉis ankaŭ per aliaj interesaj dokumentoj. Li aldonis i.a. sian latinan tradukon de ĉarma budhista fablo de Minamoto Tamenori (m. 1011), titolita *Reges cervorum*, kiun mi poste tradukis al Esperanto (Minamoto 1989) kaj al Ido (Minamoto 1999).

Kaj tiel finiĝis mia interesa korespondado kun la japana latinisto. Al ĉi kvara letero mi respondis, sed neniun plian leteron mi ricevis de li. Aŭ mia respondo perdiĝis survoje, aŭ la japana profesoro perdis la intereson. Tamen, dum ĝi daŭris, mi ege ĝuis tian lernigan kaj amuzan leterŝanĝon. Temis pri mia unua kontakto kun japano, kaj ĝi okazis nek angle, nek eĉ esperante, sed... latine!

86 "*fructum fert difficilem concoctioni et stomacho inutilem*". (Plin. *Nat. Hist.* XXIII, 79).
87 "*lingua laponica Latinae dissimillima quantitates vocalium tamen similes habet*".
88 "*itaque laponiensibus facile est pronuntiationem restitutam imitari*".

## 3. Pliaj nuntempaj latinistoj japanoj

Tamen Eiichiro Tani ne estas la sola talenta latinisto japana. Ekzemple, lia instruisto Arituneus Mizuno (t.e. Aritune Mizuno, n. 1928) estas latina poeto, aŭtoro de pluraj verkoj, i.a. *Aeneidos liber primus emendatus* (Kioto, 1988), kio estas nenio alia, ol korektita versio de la unua libro de *Eneado*, kiun laŭ la latina vikipedio li mem opinias *elegantior* ("pli eleganta") ol la vergilia versio![89]

Ankaŭ Saburō Takada, la instruisto de Aritune Mizuno, estis eminenta latinisto, kaj krome, instruisto pri historio de malnova kaj mezepoka filozofio ĉe la kiota universitato. Li i.a. japanigis la unuan parton de *Summa Theologica*, fama verko de la kristana teologo Tomaso el Akvino (1225–1274). La tradukon li prilaboris inter 1945 kaj 1960, kaj tiujare ĝi aperis ĉe la Centro pri Mezepokaj Studoj de la Instituto Sankta Tomaso en Kioto (Wenin 1960: 480).

Cetere, laŭ Amorós; Mito (1987–1988: 125), Saburō Takada ne estas la sola japana fakulo pri Tomaso el Akvino, ĉar lin akompanas ĉi-kampe Ryōsuke Inagaki kaj Akira Yamada, kaj ĉi la lasta estas specialisto ankaŭ pri la kristana teologo Aŭgusteno el Hipono (354–430).

Serioza okupiĝo pri la latina en Japanio ne ĉesis ĝis nun. Menciindas ankaŭ Hirosius (Hiroshi) Harada (n. 1954), kiu publikigis plurajn artiklojn en la latina, unu el kiuj temas pri la enkonduko de tiu lingvo en Japanion (Harada 1987) kaj kiu estas ankaŭ poeto: sur foto pri latinista renkontiĝo en Westende, Belgio (1987-08-21), aperas li, staranta, kun la dorso klinita antaŭen, la dekstra brako fleksita kaj la montrofingro etendita, tenanta papereton en la maldekstra mano kaj, laŭ la subtitolo, *versus suos vividissime proferens* ("tre verve deklamanta siajn versojn") (Bertrand 1987: 426).

Tamen la nuna latina ĉampiono en Japanio estas sendube Akihiko Watanabe, naskiĝinta en 1973 en Filipinoj el japanaj gepat-

89 https://la.wikipedia.org/wiki/Arituneus_Mizuno (vidita je 2018-04-24)

roj kaj konata kiel Accius Watanabĕus en latinaj medioj. Li prelegis latine dum pluraj renkontiĝoj en Usono kaj verkis artikolojn, kiuj aperis en pluraj latinaj gazetoj. Unu el liaj prelegoj (*acroases*), en Leksingtono (Kentukio, Usono), en 2010, pritraktis ĝuste la latinan verkadon de japanoj (*Scripta latina Iaponum*). Laŭ la koncerna vikipedia paĝo,[90] li "scipovas paroli tre flue" (*volubillime loqui potest*) la latinan kaj la anglan. Krome, kiel novgeneracia latinisto, li senĝene retumas kaj uzas la t.n. sociajn retojn. Ekzemple, li havas propran tviteran konton jam de 2014,[91] kun pli ol 300 sekvantoj, kie li "pepas" per latinaj versoj, precipe komente pri la latinaj "pepoj" de papo Francisko, kiu ankaŭ havas propran tviteran konton.[92] Akihiko Watanabe jam publikigis pli ol 1300 "pepojn" en sia tviterejo, sub la kurioza devizo "Mi pepas verse; pardonu, mi petas, la frenezulon".[93] Tamen li versas latine ne nur "pepe", sed ankaŭ pli amplekse kaj profunde, kaj siajn poemojn aperigas en retejo dediĉita al moderna latina poezio (*Poesis Latina Hodierna*).[94]

El lia ateliero aperis en la reto ankaŭ latinaj recenzoj (*existimationes*) kaj tradukoj de japanaj literaturaĵoj. Inter la unuaj mi elektu recenzon, publikigitan en 1999,[95] pri du hajkaroj (unu el ili jam menciita, plume de Geneviève Immé), en kiu li, same kiel antaŭe mia japana korespondanto, elstarigas la prononcan similecon inter la latina kaj la japana, ĉi-foje ne nur pri vokaloj, sed ankaŭ pri diftongoj ("Ekzistas ankaŭ kvin latinaj diftongoj — *ae*, *au*, *ei*, *eu*, *oe* —, kiuj same troviĝas ĉe ni")[96] kaj eĉ pri konsonantoj ("Ekzistas ankaŭ simileco konsonanta, ĉar la latinparolantoj abomenis seriojn da konsonantoj blinde sinsekvaj, same kiel ni").[97]

90 https://la.wikipedia.org/wiki/Accius_Watanabeus (vidita je 2018-04-25)
91 https://twitter.com/Aki11721719 (vidita je 2018-04-25)
92 https://twitter.com/Pontifex_ln (vidita je 2018-04-25)
93 *"Pipio versiculis; ignoscite, quaeso, furenti!"*.
94 www.suberic.net/~marc/opifex/watanabeus.html (vidita je 2018-04-25)
95 https://mcl.as.uky.edu/haicua (vidita je 2018-04-25)
96 *"Sunt etiam quinque diphthongi Latinae, ae, au, ei, eu, oe; quae eaedem et apud nos sunt"*.
97 *"Similitudo quaedam inest et consonantibus. Nam sicut Latini abhorrebant a serie consonantium sine intervallis temere composita, ita nos"*.

Inter la japanaj literaturaĵoj latinigitaj de li, mi elektu la rakonton *Tabacum et Diabolus*, ("La tabako kaj la Diablo"), de Ryūnosuke Akutagawa (1892–1927), kies tradukon li publikigis en 1998.[98] Temas pri antitabakisma verko, kiel la titolo jam suspektigas, kaj la japana latinisto eĉ sentis la neceson provizi ĝin per jena *interpretis praefatio* ("enkonduko de la tradukinto"): "Konsiderante la kontraŭstaron kaj, por tiel diri, la persekuton kontraŭ fumantoj, kiu nun furoras, precipe en Usono, vi eble supozos, ke tiun ĉi rakonton oni verkis antaŭ nelonge, sed vi eraros, ĉar oni ĝin eldonis antaŭ pli ol okdek jaroj, nome en 1915".[99] Mi ne rezistas la tenton citi ĉi tie la komencon de tiu rakonto, kiun mi esperantigis el la latina versio de Akihiko Watanabe (mi vane serĉis esperantan tradukon, faritan senpere el la japana):

> "En la tempo jam de longe pasinta, tabako ne ekzistis en Japanio. Pri la kiamo de ĝia mara alveno la historiistoj tamen ne ĝuste konsentas, kvankam ŝajnas, ke la alvenon de tabako oni devas dati je la 15a jarcento. Estas ja klare, ke fine de tiu jarcento jam preskaŭ ĉie oni povis trovi tabakan kultivejon, kaj en la sekva jarcento fumado ĉe japanoj estis tiel ofta kaj ŝatata, ke cirkulis jena ŝerco inter la popolo: "Kio neniel efikas? Evidente, leĝo, kiu malpermesas fumadon, tiu, prohibanta lukson, la ordonoj de la Dia Imperiestro, kaj la kuracistoj, kiuj loĝas en Kioto"".[100]

98 https://mcl.as.uky.edu/tabacum-et-diabolus (vidita je 2018-04-25)

99 *"Impugnationem atque ut ita dicam persecutionem fumum sugentium his diebus praecipue in America septentrionali flagrantem considerans hanc fabellam fortasse putas recens conscriptam esse, sed falleris; nam plus quam octaginta annos ante, anno videlicet 1915, edita est"*.
Por "fumanto", Akihiko Watanabe uzas la esprimon *fumum sugens* (laŭvorte, "fumsuĉanto"). Freire (1960: 22) proponas *fumi haustor* (samsence laŭvorte), same kiel Egger (2003: 331), kiu aldonas *fumator*.

100 *"Tabacum antiquitus in Iaponia non exstitit. Super aetate autem qua per mare advectum fuerit auctores historici non adamussim consentiunt, quamvis saeculo decimo quinto tabaci adventum esse collocandum constet. Patet quidem eodem saeculo exeunte iam paene ubique segetem tabaci inveniri potuisse, sequentique saeculo fumationem tam apud Iapones vulgatam atque adamatam fuisse, ut hic iocus in ore populi versaretur: "Quid nihil efficit? Scilicet lex, quae fumationem vetat, ea, quae vetat luxum, iussa Divi Imperatoris, et medici, qui ad urbem Kiotonem habitant""*.

Ŝajnas do, ke, malgraŭ la grandaj strukturaj kaj leksikaj diferencoj inter la latina kaj la japana, la cicerona lingvo ne malhavas eminentajn kultivantojn en la Lando de la Naskiĝanta Suno. Tio estas sendube signo pri la alta nivelo intelekta kaj kultura de tiu ĉi tre interesa kaj koninda lando azia. Al la legantoj, kiuj scipovas la latinan, mi forte rekomendas, ke ili legu ankaŭ la piednotojn, ĉar ili tiel povos konstati, kiel ĝuste, elegante kaj ĝuinde japanoj kapablas esprimi sin en la malnova lingvo el Latio.

## Bibliografio


Agostini, Carlo; Marelli, Pierluigi (1959): *Il latino, lingua internazionale?* Milano: Federazione Esperantista Italiana. Documento N. 4. 31 p.

Amorós, Manuel; Mito Hiroyuki (1987–1988): Bibliografía sobre métodos de griego y latín y traducciones de los clásicos griegos y latinos en Japón. *Humanitas*. Faculdade de Letras da Universidade de Coimbra. Instituto de Estudos Clásicos. Vol. XXXIX–XL, p. 123–177.

Angelinus, Vido (1987): “De Eurolatino”. *Vox Latina* 23/89: 374–376.

Bartoli, Daniello (1857): *Istoria della Compagnia di Gesù. Il Giapone*. Libro 1º. — Parte 2ª. Napoli. 283 p.

Bellaroto, Leo Pecorella (1987): “De doctissimi culicis Darviniana fabula”. *Vox Latina* 23/89: 372–373.

Bertrand, Jean-Jacques (1987) “De seminario Vestendensi (A. 1987) quid senserit tiro”. *Vox Latina* 23/89: 422–426.

Boxer, Charles Ralph (1950): “Padre João Rodriguez Tçuzu S.J. and his Japanese Grammars of 1604 and 1620”. *Boletim de Filologia*. Centro de Estudos Filológicos, Lisboa. Tomo XI, p. 338–363.

Camacho, Jorge (2013): “Vortoj en vortaroj”. *Beletra Almanako* 7/18: 65–71.

Cherpillod, André (2003): *Konciza Etimologia Vortaro*. Roterdamo: Universala Esperanto-Asocio. 503 p.

Demonet, Marie-Luce, Uetani Toshinori (2008): "Les langues des Indes orientales entre Renaissance et Âge classique. *Histoire Épistémologie Langage*, tome 30, fascicule 2. Découverte des langues à la Renaissance. p. 113–139.

Egger, Carolus (2003): *Lexicon recentis Latinitatis*. Editum cura operis fundati cui nomen "Latinitas". Volumen I et II. Libraria Editoria Vaticana in urbe Vaticana. 728 p.

Fernandes, Gonçalo; Assunção, Carlos (2018): "First grammatical encoding of Japanese Politeness (17th century)". *Boletim do Museu Paraense Emílio Goeldi: Ciências Humanas* 13/1: 187–203.

Freire, António, S.J. (1960): *Conversação latina*. Porto: Livraria Apostolado da Imprensa. 197 p.

Frison, Daniele (2013): *The Nagasaki-Macao trade between 1612 and 1618: Carlo Spinola S.J. Procurator of Japan*. Tese de doutoramento em História, especialidade em História dos Descobrimentos e da Expansão Portuguesa. Faculdade de Ciências Sociais e Humanas da Universidade de Lisboa. 367, xxviii p.

Gode, Alexander (1983): *Discussiones de Interlingua*. 2e impression. Beekbergen: Servicio de Libros U.M.I. 73 p.

Harada Hiroshi (1987): "De latinarum litterarum initiis quae fuerunt in Iaponia". *Vox Latina* 23/87: 50–56.

Hausmann, Franz Josef; Reichmann, Oskar; Wiegand, Herbert Ernst; Zgusta, Ladislav (1991): *Wörterbücher. Ein internationales Handbuch zur Lexikographie* Dritter Teilband. Berlin, New York: Walter de Gruyter. xxv + 2339–3362 p.

Kishimoto Emi (2006): "Função do Português no *Dictionarium Latino Lusitanicum, ac Iaponicum*, o dicionário trilingue publicado pelos missionários jesuítas no Japão". *Revista de Letras.* Universidade de Trás-os-Montes e Alto Douro. II/5: 49–58.

— (2010): "Annotations in *Dictionarium Latino Lusitanicum, ac Iaponicum* (1595) in the Context of Latin Education by the Jesuits in Japan". En: *Proceedings of the XIV Euralex International Con-*

*gress, Leeuwarden, 6–10 July 2010*. Ed. Anne Dykstra et. al. Leeuwarden: Fryske Akademy. p. 1020–1025.

Lach, Donald F. (1977): *Asia in the Making of Europe*. Volume II: A Century of Wonder. Book Three: The Scholarly Disciples. Chicago, London: The University of Chicago. 764 p.

Minamoto, Tamenori (1989) "Japana fablo". (Tradukita de Salnevo el latina versio de Eiichino Tani). *Nia Bulteno* 44: 9.

— (1999) "La reji dil cervi". (Tradukita de Gonçalo Neves el latina versio de Eiichino Tani). *Ido-saluto!* 1: 13–14.

Maruyama, Toru (2006): "Importância dos estudos recíprocos entre Japonês e Português dos séculos XVI e XVII". *Revista de Letras.* Universidade de Trás-os-Montes e Alto Douro. II/5: 59–73.

Neves, Gonçalo (2005): "Mi prime contacto con Interlingua". *Panorama* 18/1: 16.

— (2013): "La Fundamento de Esperanto latinen tradukita". *Esperantista Vegetarano* 2: 16–18.

Niehaus, Andreas; Walravens, Tine (2017): *Feeding Japan: The Cultural and Political Issues of Dependency and Risk*. Palgrave Macmillan. 533 p.

Rodrigues, Francisco (1931): *História da Companhia de Jesus na assistência de Portugal. Tômo Primeiro. A fundação da Província Portuguesa. 1540–1560. Volume II. Tribulação — Colégios — Missões*. Pôrto: Livraria Apostolado da Imprensa. 665 p.

— (1938): *História da Companhia de Jesus na assistência de Portugal. Tômo Segundo. Acção crescente da Província Portuguesa. 1560–1615. Volume II. Nas Letras — Nas Côrtes — Além-mar*. Pôrto: Livraria Apostolado da Imprensa. 652 p.

Saito, Paula Moreira (2014): *Deus ou daiuso? A tradução nas cartas e dicionários jesuíticos do século XVI no Japão*. Dissertação de mestrado. Faculdade de Filosofia, Letras e Ciências Humanas da Universidade de São Paulo. 116 p.

Sako, Teruhito; Steinmetz, Suzanne K. (2007): *Japanese Family and Society: Words from Tongo Takebe, a Meiji Era Sociologist*. New York: Haworth Press. xxii, 259 p.

Saracho Villalobos, José Tomás (2016): “La obra lingüística de Diego Collado”. *Revista de Estudios Extremeños*, Tomo LXXII, Número III, p. 1561–1594.

Ward, Haruko Nawata (2009): *Women Religious Leaders in Japan's Christian Century, 1549–1650. Women and Gender in the Early Modern World*. Farnham: Ashgate Publishing Limited. xvi + 406 p

Wenin, Christian (1960): “Chronique générale”. *Revue Philosophique de Louvain*, tome 58, nº 59, p. 471–480.

Zwartjes, Otto (2011): *Portuguese missionary grammars in Asia, Africa and Brazil, 1550–1800*. Amsterdam, Philadelphia: John Benjamins Publishing Company. 374 p.

**Gonçalo Neves**
Nask. 1964. Portugalo, memstara tradukisto kaj leksikografo. Okupiĝas pri beletro, esperantologio kaj interlingvistiko. Kunaŭtoro de *Ibere libere* (poemaro, 1993) kaj *Ekstremoj* (novelaro, 1997). Aŭtoro de *Kompreni* (novelaro, 1993), *Simptomoj* (poemaro, 2000), *Zamenhof kaj Volapük* (2011), *Historia Vortaro de Esperanto 1887-1888* (2011). Ĉefaj tradukoj: *Vojaĝo ĉirkaŭ mia ĉambro* (Xavier de Maistre, 2008), *La gardisto de gregoj* (Fernando Pessoa, 2015), *La senditoj* (André Luiz, 2017).